51a Jaro — N-ro 6 — Novembro-Decembro 1959a

# BELGA ESPERANTISTO



Oficiala dumonata Organo de

REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Asocio sen profita celo,
aliĝinta al UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Redaktoro-Administranto :
la Prezidanto de R.B.L.E. :
Maur. JAUMOTTE
Avenuo De Bruyn, 44
Wilrijk-Antverpeno

Fondita en 1908a
★
Abonprezo : Fr. 100,-

# S-ro Joseph Soyeur forlasis nin

Okaze de sia prelegvojaĝo en la lieĝa regiono, — kun paroladoj la 15an kaj la 16an en Verviers kaj en Lieĝo, — la Prezidanto de Reĝa Belga Ligo Esperantista, S-ro Maur. Jaumotte, kaj D-ro Denoël, vicprezidanto de la Lieĝa Grupo, vizitis la amikon S-ron Joseph Soyeur, en la posttagmezo antaŭ la parolado en Lieĝo kaj trovis lin, kvankam en la lito, tamen helspiritan kaj vivoplenan.

Se ĉio antaŭvidigis iom longan devigan ripozon, nenio tamen anoncis ke, — dum sekvonta nokto jam —, la vicprezidanto de Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj prezidanto de Lieĝa Grupo Esperantista, ekdormos ne nur por normala dormado sed por eterna disiro.

Se la fino estis fakte dolĉa, la bato por la familio kaj por la movado esperanta estas vere tre kruela.

La Grupo de Lieĝo perdas, — ĵus en la momento kiam ĝi volas restariĝi kaj ekrenoviĝi, — sian de ĉiuj amatan prezidanton.

Reĝa Belga Ligo Esperantista perdas ne nur vicprezidanton kaj kasiston, sed ankaŭ kunhelpanton sur la ĝenerala propaganda plano, kies tuja kaj plena anstataŭigo ŝajnas preskaŭ neebla.

Ĉiuj en la movado, kiel en la familia rondo, perdas ankaŭ veran amikon.

S-ro Joseph Soyeur estis homo plej afabla, iom silentema, sed kun ora koro. Ĉion li faris kun la sama kvieta menso, kiu estis lia.

Li eniris nian movadon jam antaŭ pli ol 50 jaroj, kiam li kunsta-



**Pro diversaj kialoj, — inter kiuj la subita forfalo de S-ro Jos. Soyeur, kiu fakte prilaboris la tutan administran vivon de nia Ligo, ne nur sur la financa plano, sed ankaŭ sur tiu de la ĝenerala gvidado, — la aperigo de tiu ĉi lasta numero de la jaro 1959 devis esti prokrastata.**

**Niaj legantoj bonvolos senkulpigi ĝin kaj la grupaj sekretarioj tuj sendi la tekston por la unua numero de la jaro 1960, tiel ke la kajeroj de tiu ĉi nova, plenespera jaro, povu aperi same regule kiel dum antaŭaj jaroj.**



Pro manko de loko en la nuna numero, ni prokrastis la finon de la artikolo „Naturalismo kiel Doktrino Interlingvistika", kiu aperos en sekvonta numero.

# Inda Konkludo de la Zamenhof-jaro

Preskaŭ ĉiuj grupoj en nia lando kaptis la okazon de la 100a datreveno de la naskiĝtago de D-ro Zamenhof, — la 15an de decembro 1959a —, por fari aranĝojn, kiuj estu inda konkludo de tiu granda Zamenhof-jaro, dum kiu, tra la tuta mondo, estis altirata la intereso de la granda publiko sur la grandecon de la figuro de D-ro Ludoviko Zamenhof, la kreinto de la internacia lingvo Esperanto.

En la urboj Bruĝo, Bruselo kaj Antverpeno, estis D-ro Ivo Lapenna, ĝenerala sekretario de U.E.A. kiu, dum rondvojaĝo, prelegis pri tiu granda figuro ; en Verviers kaj Lieĝo, estis la prezidanto de nia Ligo kaj prezidanto de la L.K.K. por la 45a U.K., kiu paroladis pri D-ro Zamenhof kaj, ankaŭ kaj samtempe, pri la Universala Kongreso al kiu li invitis ĉiujn ne nur partopreni, sed ankaŭ kunlabori sur la organiza plano.

El la prelego de D-ro Lapenna, ni volas ĉerpi, almenaŭ resume, nè la parton historian, kiun ĉiu ja konas, sed la klarigojn, kiujn la oratoro donis pri la kialo de la sukceso de D-ro Zamenhof, tie kie multaj aliaj, — inter kiuj kelkaj veraj gigantoj de la penso, — malsukcesis.

Laŭ D-ro Lapenna, la ĉefaj kaŭzoj de lia sukceso estas :

a) **Internacieco kaj universaleco de la celo :** D-ro Zamenhof kreis lingvon, kiu kontentigas la bezonojn ne nur de difinita grupo da nacioj, nek nur por kelkaj sferoj de la vivo, sed plenan lingvon, kiun povas utiligi ĉiuj popoloj de la mondo por sia internacia komunikado. Li kvazaŭ vizie antaŭvidis la vekiĝon de la popoloj de Azio kaj Afriko, kiuj nuntempe prenas sian lokon en la monda komunaĵo de popoloj.

b) **Internacieco de la lingvo :** Laŭ sia strukturo kaj vortaro, Esperanto estas

---

rigis la Serezan Grupon, kies unua sekretario li estis.

Dum iom longa periodo, li restis ekster la movado, sed kiam li retrovis la vojon al la esperanta mondo, li tuj deklaris sin preta por kunhelpi ĉiamaniere. Kaj en januaro 1954, li iĝis vicprezidanto de nia Ligo.

Antaŭ unu jaro, R.B.L.E. honorigis lin per la Medalo pro Merito kaj antaŭ nelonge la Lieĝaj amikoj lin festis okaze de lia 50a jara esperantisteco.

Nun li estas for. Li lasas gravan malplenan lokon en nia ligestrara mezo kaj la administrantaro staras antaŭ la grava tasko lin anstataŭigi . . . lin tuj anstataŭigi kaj kiel eble plej dece, por ke la laboro, kiun li plenumis estu daŭrigata en la spirito kaj kun la zorgo, kiun li dediĉis al ĉio, kion li faris.

Pro vojaĝo foresto de la prezidanto de R.B.L.E., la tagon de la enterigo, S-ro H. Sielens alportis, en lia nomo kaj en tiu de la tuta administrantaro kaj membraro, la saluton de la belgaj esperantistoj, dum D-ro Denoël, ĉirkaŭata de multaj samideanoj apartenantaj al la diversaj grupoj de la Lieĝa regiono, speciale substrekis la simpation de tiuj, kiuj vivis en lia najbareco.

Nobla homo foriris. Ni daŭre memoros lin !





*La impona procesio antaŭ la tombo de D-ro Zamenhof, dum la jubilea kongreso*

ĝis maksimumo internacia kaj tial akceptata kiel propra de ĉiuj uzantoj, tute egale al kiu nacio ili apartenas. La moto « Por ke lingvo estu tutmonda, ne sufiĉas ĝin nomi tia », presita sur la kovrilpaĝo de la Unua Libro, entenas fundamentan principon de unuaranga graveco.

c) **Internacieco de la lingvokolektivo :** D-ro Zamenhof perfekte komprenis, ke lingvo estas socia fenomeno ; ke ĝi devas servi la bezonojn de komunikado kaj pensado de internacia kolektivo ; ke tial nur tiu kolektivo povas esti vere proprietulo de la lingvo kaj evoluigi ĝin konforme al siaj bezonoj. Tial li tuj « forcedis ĉiujn personajn rajtojn » kaj akcente deklaris jam en la Unua Libro : « Internacia Lingvo, simile al ĉiu nacia, estas propraĵo socia ». Kaj plue : « Mi ne volas esti **kreinto** de la lingvo, mi volas nur esti **iniciatoro** ». En la aldono al la Dua Libro (1888) li skribis :

« Ĉio cetera devas esti kreata de la homa societo kaj de la vivo tiel, kiel ni vidas en ĉiu el la vivantaj lingvoj . . . Kompetenta devas esti de nun, ne la aŭtoro aŭ iu alia persono ; la solaj kompetentaj nun devas esti : talento, logiko, kaj la leĝoj kreitaj de la plej granda parto de la verkantoj kaj parolantoj . . . La lingvo internacia devas vivi, kreski kaj progresi laŭ la samaj leĝoj, laŭ kiaj estis ellaborataj ĉiuj vivaj lingvoj . . . Mi ne volas eldoni aŭtore plenan vortaron kaj krei laŭ mia persona plaĉo la tutan lingvon de l'kapo ĝis la piedoj . . . Kiam la lingvo sufiĉe fortiĝos kaj ĝia literaturo sufiĉe vastiĝos, tiam ankaŭ tio, kio estas en mia broŝuro devos perdi ĉian signifon, kaj sole kompetentaj tiam devos esti la leĝoj de la plej-multo ».

Precize tiel la lingvo estis kaj estas konsiderata de tiu internacia kolektivo, kiu ĝin akceptis por sia internacia komunikado. Estas la kolektivo tiu forto, kiu vivtenas kaj evoluigas la lingvon.

d) **Humanisma internaciismo de la idea fono :** D-ro Zamenhof inspiris en la lingvon la ideon de egaleco de ĉiuj nacioj, de internacia frateco inter la

## La 45a Universala Kongreso de Esperanto

Ni jam menciis ke L.R.M. la Reĝo Baŭduino akceptis la Altan Protektantecon de la 45a Universala Kongreso.

Ni nun povas informi niajn legantojn ke la Prezidantaro de la Honora Komitato konsistas el :

S-ro Paul Struye, Prezidanto de la Senato
Barono P. Kronacker, Prezidanto de la Ĉambro de Deputitoj
S-ro Gaston Eyskens, Ĉefministro
S-ro P.W. Segers, ministro de Komunikadoj
S-ro Pierre Harmel, ministro de Kulturaj Aferoj
S-ro Charles Moureaux, ministro de Publika Instruado
S-ro Frans Van Cauwelaert, ŝtatministro, prezidinto de la Ĉambro de Deputitoj
S-ro Camille Huysmans, ŝtatministro, prezidinto de la Ĉambro de Deputitoj
S-ro Achille Van Acker, ŝtatministro, eks-ĉefministro
S-ro J. de Néeff, provincestro de Brabanto
S-ro Lucien Cooremans, urbestro de Bruselo.

En sekvonta numero ni publikigos la nomojn de la membroj de tiu Honora Komitato.

---

popoloj. Tiu idea fono restis la spirita bazo de la lingvo mem. D-ro Zamenhof tamen ne supertaksis la rolon de la lingvo tiurilate, kiel kelfoje neinformitaj personoj klopodas kredigi. En Genève, en 1906, li precizigis :

« Ni ne estas tiel naivaj ... ktp », ĝis la vortoj « ... de devigata sin altradado » (Originala Verkaro, p. 370).

c) **Internacieco de la literaturo** : D-ro Zamenhof mem tradukis el pluraj lingvoj. Poste aldoniĝis multaj aliaj elstaraj verkistoj, kiuj kreis originale aŭ tradukadis. Tiele, baldaŭ la Esperantlingva literaturo fariĝis vera mozaiko, konsistanta el plej valoraj verkoj kreitaj en diversaj naciaj lingvoj, sed havantaj tutmondan signifon. Al tiu traduka literaturo aldoniĝis verkoj kreitaj originale en Esperanto. Nur unu ekzemplo de la internacieco de la Esperanta poezio : en la verko Esperanta Antologio estis presitaj originalaj poemoj de 90 poetoj el 35 landoj ! D-ro Zamenhof mem estis ne nur la genia iniciatinto de la lingvo sed ankaŭ ĝia unua verkisto kaj poeto. Li estis la bardo de tiu komence malgranda lingva komunaĵo, kiu fidis al homeco, restante fidela al siaj nacioj kaj naciaj lingvoj. Estas kompreneble, ke per siaj poemoj D-ro Zamenhof inspiris kuraĝon, paciemon, persiston. La bildoj estas ofte simplaj, mallongaj, la ritmo impresa. Forta ritmo, preskaŭ de taĉmento marŝanta al la venko, sentiĝas en « La vojo ».

Ni kredas ke tiu ĉi argumentado povas, ankaŭ post finiĝo de la Zamenhofa Jaro, kaj speciale en Belgujo, dum la jaro de la 45a Universala Kongreso, esti uzata dum la multaj priparoladoj, kiujn ĉiuj niaj legantoj, preskaŭ devige, havos kun tiuj multaj interesataj, kiuj, okaze de tiu Kongreso, petos al ili klarigojn pri nia movado kaj ties evoluo kaj sukceso.

Ĝi do estu, en la kadro de nia revuo, la konkluda vorto de la Zamenhofjaro.

B. E.



# Invito de la Urbestro de Bruselo.

S-ro Lucien Cooremans, urbestro de Bruselo, sendis al la Esperantista mondo la jenan inviton, kiu estas surprenita sur la sonbendon, kiu estas ek de nun je la dispono de la grupoj en la mondo, kiu ŝatas propagandi la 45an U.K. aŭdigante al siaj membroj tiun propagandan bendon kiu aŭdigos al ili la voĉojn de la prezidanto de la L.K.K., S-ro Maur. Jaumotte, de la K.K.S. S-ro G.C. Fighiera, kiuj ankaŭ atentigas la esperantistaron pri la granda evento de tiu ĉi jaro :

" La Esperantistoj tra la tuta mondo rigardas nunjare al Bruselo, kiel al la ĉefurbo de la esperanto-movado.

Gastigante la kvardekkvinan Universalan Kongreson de la Internacia Lingvo, Bruselo estas fiera pri la rolo al ĝi rezervita en la kadro de la klopodoj por doni al la popoloj pacon kaj amikecon.

La historio volis ke Bruselo, — krucvojo de latina kaj ĝermana civilizoj —, gastigu popolojn el du etnikaj origininoj kaj paroladantan du diversajn lingvojn. Bruselo jam de longa tempo komprenis ke la paca kunvivado ne povas baziĝi sur la hegemonio de unu lingvo, sed sur la egaleco de la lingvoj.

Tiu principo, portita sur tutmonda kampo, montras ke la solvo de la lingva problemo ne povas esti serĉita donante privilegion al unu aŭ al kelkaj lingvoj, sed per justa konvencia elekto, kiu ne ofendu ies sentojn, kiel Esperanto proponas.

Bruselo, kiu en la lastaj jaroj leviĝis ĝis la unuaj rangoj inter la eŭropaj ĉefurboj, larĝe malfermas siajn pordojn al la esperantistoj, kiuj venis el la kvin kontinentoj por kongresi en ĝi.

Ĝi ne nur malfermas siajn grandajn bulvardojn, siajn muzeojn, kie generacioj da artistoj amasigis artajn trezorojn, ĝi ne nur malkovras siajn monumentojn kaj siajn arkitekturojn, sed ĝi malfermas la koron de siaj enloĝantoj por gasta kaj ĝoja bonveno.

* * *

Jen la ĉefaj ekstraktoj el la Oficialaj Komunikoj, kiuj estis disvastigataj de la Gazetara Servo de la U.K. :

**Kotizoj :**

Ek de la 1-a de januaro 1960 validas jenaj novaj kotizoj :

— Kongresano 525,— b.fr.
— Edzino de kongresano 265,— b.fr.
— Junul(in)o ne pli ol 20-jara kaj studentoj 185 b.fr.

**Karavanoj :**

Anoncis karavanon :

— Unuiĝo Esperantista Franca, 34 rue de Chabrol, Parizo, Francujo.
— Itala Esperanto-Federacio, S-ro G. Grattapaglia, Via Gravere 23, Torino, Italujo.

**Dua bulteno :**

Ek de marto 1960 ĉiu aliĝinta kongresano ricevos la Duan Oficialan Bultenon. La 24-paĝa broŝuro, ilustrita, enhavos la provizoran programon de la Kongreso, informojn pri ĉiuj aranĝoj ligitaj kun la Kongreso kaj kompletajn instrukciojn pri loĝado kaj ekskursoj.

**Fakaj kunvenoj :**

La esperantistaj fakaj asocioj, kiuj deziras organizi fakajn kunvenojn dum la Kongreso, estas petataj anonci sin ĉe la Kongresa Komitato ĝis fino de januaro 1960.

**Hoteloj :**

Jen la provizoraj prezoj por loĝado en Bruselo, inkluzive de matenmanĝo, servoj kaj impostoj :

Hoteloj :
Kat. 1 (luksa) ĉ. 270,— b.fr. por tago kaj persono.

**Per la sonbendo disvastigota inter la grupoj esperantistaj en ĉiuj partoj de la mondo, la Prezidanto de la L.K.K. sin direktis jene al la tuta esperantistaro :**

Karaj geaŭskultantoj !

Karaj amikoj el ĉiuj partoj de la mondo !

Nin ligas en la nuna momento sonbenda voĉo, sed ligas nin ĉiujn ankaŭ komuna sento, kiu libere esprimiĝas trans la landlimoj pere de komuna lingvo.

Nia esperantista sento alvokas nin hodiaŭ por anonci, ke la 45-a Universala Kongreso alproksimiĝas kaj ke Bruselo preparas sin por malfermi siajn gastemajn brakojn al la kongresanoj el ĉiuj kontinentoj. Kiel Prezidanto de la L.K.K. estas por mi, — pli ol devo —, ĝojo kaj honoro inviti vin amase veni al Bruselo por labori kaj ĝoji kune.

La Loka Kongresa Komitato aranĝas por vi programon, kiu riĉigos vian restadon. Ni ne celas pompon kaj lukson, sed ni strebas atingi vivantan kaj kiel eble plej altnivelan Kongreson, en kiu ĉiu partoprenanto trovu ĝuon kaj la eblecon plene realigi sian esperantistecon, kaj kiu estu digna de mondformata realigo, kia estas la Internacia Lingvo. Ne kongreson fermitan en si mem, sed Kongreson larĝe projekciitan eksteren, vaste alvokantan la publikan opinion, prezentantan miniaturon de homaro en paca kaj libera kunvivado. Tiu estas la devo, kiun ni sentas antaŭ ni mem, antaŭ vi ĉiuj kaj antaŭ la Honora Komitato de la Kongreso, kies Protektanto estas la Reĝo de la Belgoj kaj kies membroj estas parlament-prezidantoj, ministroj kaj eminentuloj de la publika vivo de Belgujo.

La Universala Kongreso okazos en la Kongres-Palaco, tute nova konstruaĵo, kiu situas sur la Monto de l'Artoj, preskaŭ vidalvide de la Centra Stacidomo. La Kongresejo prezentiĝas kiel kvaretaĝa palaco, speciale komforta por ĉiaj laboroj kaj servoj, ĉar funkcicele antaŭstudita nur por gastigi internaciajn manifestaciojn. Ĝi estas ekipita per bufedo kaj poŝtoficejo kaj per ĉiaj modernaj akcesoraĵoj bezonataj de granda Kongreso. Antaŭ la Kongresejo etendiĝas ĝardenetoj en deklivaj terasoj, ornamataj per fontanoj kaj akvosprucoj kaj kun multaj benkoj. La Inaŭguro havos sian lokon en la Koncertejo de la Palaco de Belaj Artoj, je nur kelkaj paŝoj de la Kongrespalaco. Same proksime troviĝas la loko, kie okazos la Kongresa Balo : la Madelenaj salonoj. Antaŭ la Balo, la kongresanoj povos, ankoraŭfoje, havi plaĉan komunan restadon okaze de oficiala Bankedo.

Ni klopodas en la nuna jaro plibonigi la deĵoradon ĉe la kongresejaj giĉetoj : tiucele L.K.K. malfermis specialan kurson por la turismaj gvidistinoj de la Urbo Bruselo, kiuj en sia gracia uniformo esepereble donos al la kongresaj servoj tonon de ĉarmo kaj de profesia akurateco. La zorgoj de L.K.K. rilatas ankaŭ la edzinojn de kongresanoj kaj, — ĝenerale, — tiun amason da ĉeestantoj, kiu troviĝas senokupa inter unu kunveno kaj alia. Por ili okazos senhaltaj prezentadoj de 15 diversaj artaj kaj turismaj filmoj, grandparte en koloroj, kies sinkronizon en Esperanto zorgis la Esperanto-societoj de Antverpeno, Bruĝo kaj Bruselo.

Por la Teatra Vespero, alvenis 8 sinproponoj flanke de esperantistaj trupoj, el kiuj 3 polaj, unu ĉeĥoslovaka, 1 jugoslava, unu el Parizo, unu bulgara kaj unu belga. La Muzika Vespero enhavos programon allogan por ĉiuj. La aliaj eroj, Cseh-Seminario, Junula Vespero, Interkona, Oratora kaj Belarta Konkursoj, Somera Universitato, Blindula Kongreso, Ĝeneralaj Kunvenoj, Ekskursoj, Sekcioj, Fakaj Kunvenoj, apartenas al la tradicio, kun la sola escepto de la Internaciaj ekzamenoj pri lingvokapableco, kiuj okazos unuafoje en Bruselo. La L.K.K. restudis ĉiujn tradiciajn programerojn kaj klopodis doni al ili kuraĝigon kaj rebrilon.

Plej elkoran atenton ricevis la Infana Kongreseto, la kvina en la serio. Ĝi trovis konvenan kaj modernan sidejon en la Lernejo de Agronomio, apud la iama Mondekspozicio, kie ĉio povos konvene okazi por feliĉigi la infanojn. Tamen, la ĉefa problemo restas la ekonomia. Spite de tio, ke la kreditoj donitaj de la Universala Kongreso al sia Kongreseto kvarobliĝis de 1958, ili tamen estas limigitaj. Tial, la Kongresa Komitato kreis kategorion da subtenantoj, nomataj " Adoptaj Patroj ", kiuj per sia financa kontribuo helpos al la Kongreseto inter alie inviti Esperanton parolantajn infanojn el landoj kun devizaj malfacilaĵoj.

Mi libere kaj senkaŝe skizis al vi, karaj geaŭskultantoj, la karakterizojn kaj la problemojn de via Kongreso. Laste mi renovigas al vi ĉiuj la bonvenon de la Kongresa Komitato kaj de mi persone :

Estu bonvenaj en niaj antaŭkongresaj manifestacioj : Antaŭkongreso en Arnhem kaj Junularkongreso en Rotterdam ! Estu bonvenaj en la Universala Kongreso en Bruselo ! Estu bonvenaj en nia postkongresa ekskurso al Lieĝo, Aachen, Kolonjo kaj sur la Rejno !

Kat. 2 ĉ. 190,— b.fr. por tago kaj por persono.
Kat. 3. 155,— b.fr. por tago kaj por persono.
Kat. 4 ĉ. 120,— b.fr. por tago kaj por persono.

En venonta komuniko aperos la prezoj de komuna loĝejo kaj de aliaj loĝkategorioj.

La Loĝiga Servo de la Loka Kongresa Komitato, en kunlaboro kun profesia Vojaĝagentejo, zorgos pri la enloĝigo de ĉiu kongresano, kiu petos tion post ricevo de la Dua Bulteno.

**T.E.J.O.-Kongreso :**

La 16-a Internacia Junulara Kongreso de Tutmonda Esperantista Junulara Organizo okazos en Rotterdam de la 23-a ĝis la 30-a de julio 1960 en la komunuma konferencejo « De Tempel » :

Kotizoj por membroj de T.E.J.O. : malpli ol 20-jaraj - ĝis 1.4.1960 ned. gld 70,— ; ĝis 1.7.1960 ned. gld. 75,—.
Pli ol 20 jaraj - ĝis 1.4.1960 ned. gld. 75,— ; ĝis 1.7.1960 ned. gld. 80,—.

Nemembroj de T.E.J.O., devas pagi ned. gld. 4,— plie. Ĉar la nombro da lokoj en la Konferencejo estas limigita, frua aliĝo estas konsilata.

Provizora programo : Interamikiĝa vespero, solena inaŭguro, kongresa balo, tuttaga ŝipekskurso, du duontagaj ekskursoj (unu per ŝipo kaj unu per aŭtobuso), vizito al la internacia ekspozicio « Floriade », kulturaj prelegoj (kun partopreno de eminentaj esperantistoj), oratora kaj sporta konkursoj, solena fermo.

**Protektanto :** D-ro W. Drees, estinta ĉefministro kaj nuna honora ministro de Nederlando akceptis esti honora protektanto de tiu kongreso.

**Kongresejo :** La Kongresejo de la 45-a Nniversala Kongreso estos la tute nova Palaco de Kongresoj de Bruselo, kiu situas sur la monteto de Belaj Ar-

toj je 100 m. de la centra stacidomo en la koro de la urbo. En la kongresejo troviĝas modernaj kaj funkciekaj salonoj por la kongresaj servoj kaj laboroj, kafejo-restoracio kaj poŝtoficejo. Antaŭ la konstruaĵo etendiĝas placa kaj ripoziga parketo, gracie ornamita per artaj akvoŝprucoj.

**Senpagaj vojaĝoj al Bruselo** : Unuiĝo Esperantista Franca lotumos unu senpagan vojaĝon al la Universala Kongreso inter siaj membro-apogantoj. La Pariza Federacio de Unuiĝo Esperantista Franca decidis asigni alian senpagan veturadon kaj restadon al Bruselo al instruist(in)o el la eksperimentaj kursoj en Versailles, kies klaso havos la plej bonajn rezultojn.

**Fakkunvenoj** : Anoncas Fakkunvenon :

Skolta Esperantista Ligo pri : « Kiel solidigi la ĝisnunajn atingojn ? ». Adreso : S-ro J. Van Gulck, Wolfjagerslei 40, Borgerhout (Antverpeno), Belgujo.

Universala Ligo, Riouwstraat 172, Den Haag, Nederlando.

Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj. Adreso : F-ino V.C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, Birmingham 30, Britujo.

Internacia Asocio de Juristoj-Esperantistoj pri : « La pozicio de advokato en diversaj landoj ». Adreso : S-ro Sven Ziegler, Bjernedevej 62, Kobenhavn Brh. Danlando.

**Senpagaj vojaĝoj** : La Esperantista Societo de Marseille disponigas du senpagajn veturadojn kaj partoprenojn en la Universala Kongreso kiel premion por siaj plej bonaj kursanoj.

**Komunaj Loĝejoj** : La Loĝiga Servo de L.K.K. organizis taŭgajn komunajn loĝejojn je prezo de 45,— b.fr. por persono kaj por nokto, inkluzive de matenmanĝo.

**Bankedo** : Antaŭ la Kongresa Balo okazos en la Madalenaj salonoj komuna festa bankedo kun orkestra muziko.

**Afiŝo** : La Centro de Informado de la Urbo Bruselo decidis eldoni turisman afiŝon, cm. 60 x 100, en Esperanto. Lokaj esperantistaj societoj aliĝintaj al Landaj Asocioj povas ĝin ricevi mendante ĉe : 45-a Universala Kongreso de Esperanto, Bruselo.

**Cseh-seminario** :

De la 27-a ĝis la 30-a de julio 1960 S-ro Cseh persone gvidos en Bruselo (Reĝa Ateneo ,en plena centro de la urbo) Internacian Seminarion por Cseh-metodaj Esperanto-instruistoj. Kotizo 10,— gld. (40 steloj). Informoj kaj aliĝoj ĉe Internacia Esperanto-Instituto, Riouwstraat 172, Den Haag.

**Infana kongreseto** :

La 5-a Internacia Infana Kongreseto okazos dum la Kongresa semajno en la moderna konstruaĵo de la Lernejo por Mastrumado kaj Agronomio (situita tuj post la Brusela Mondekspozicio). La partoprenado estas severe rezervita al infanoj inter 6 kaj 13 jaroj, kiuj efektive parolas Esperanton.

**Prezoj en Restoracioj** :

En brusela restoracio oni povas ricevi tagmanĝon ek de 25,— b.fr.



# BELGA KRONIKO

**Prezidanto** : S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.
**Vicprezidantoj** : S-ro Henri SIELENS, Falconrui, 21, Antverpeno ; D-ro Pol DENOEL, 20, rue Victor Raskin, Liège.
**Vicprezidantino** : S-ino Julia PLYSON, 185, rue Jourdan, Bruselo.
**Generala Sekretario** : S-ro Luc DE MARRE, Groenendaallaan, 232, Antverpeno.
**Kasistino** : F-ino Rosette HUYSMANS, Steenweg op Brussel, 114, Meise.
**Administranto de B.E.** : S-ro François SCHELLEKENS, Frans Hensstraat, 44, Antverpeno.
(Poŝtĉeknumero : R.B.L.E. : 13.37.67)

ANTVERPENO

**Esperanto-Grupo « La Verda Stelo »**
Poŝtĉeknumero : 726.54

La 9an de oktobro S-roj H. De Roover kaj Fr. Schellekens raportis pri siaj libertempoj. La unua, laŭ tre tipa « Ernest Claes-stilo », pri sia restado en la Kampino (kun multaj lumbildoj), la dua pri vojaĝo al Romo kaj Sicilio kun amaso da detaloj kaj agrabligita per belegaj kolorigitaj diapozitivoj.

La 16an dum EKI-vespero, S-ro L. De Bruyn, sekretario de BEFA (Belga Esperantista Fervojista Asocio) prezentis 2 memverkitajn filmojn pri « La Fervojoj kaj Ekspo '58 » kaj « La Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso en Linz 1959 », kiujn li enkondukis kaj komentariis laŭ vigla maniero. Varma aplaŭdo kaj sinceraj dankvortoj de la Prezidanto S-ro Maur. Jaumotte. Krome F-ino Enzlin, kiel surprizon multe ŝatatan, montris sian memverkitan kolorfilmon pri la U.K. en Varsovio, pri kiu S.-ro L. De Marré donis aron da klarigoj.

La 23an, en agrabla ejo la verdstelanoj kuniĝis ĉirkaŭ tabloj plenigitaj per bongustaj mituloj, kiujn ili manĝis kun

*Feliĉan Novjaron*

granda apetito, S-ro G. C. Fighiera, la KKS de la UK en Bruselo, ĉeestis tiun festeton.

La 30an, aŭdiĝis radiofona teatraĵo « Paljaĉjo », unuakta fabelo al kies realigo kunlaboris F-inoj E. Van der Weken kaj C. Peeters ; S-ino Mar. De Marré ; S-roj J. Montmirail, Fr. Schellekens kaj J. Verstraeten, — kiuj cetere akiris varman aplaŭdon de la publiko. Krome Meksika samideano vizitis la grupon kaj resume parolis pri sia bela lando.

La 6an de novembro ne okazis la kultura distra vespero de S-ro R. Jaumotte (profesie malhelpata) sed parolata jurnalo organizata de S-ro Fr. Schellekens kun gehelpantoj : F-ino Enzlin kaj J. Verstraeten, — programo vere jurnalaspekta pro ĝia diverseco. Ĝi multe plaĉis al la ĉeestantoj.

La 13an, S-ro J. Verstraeten paroladis pri « Vojaĝo al Svisujo » kaj por kompletigi la vesperon S-ro Fr. Schellekens prezentis belegajn kolorigitajn diapozitivojn pri la « Antverpena Ommeganck » (folklora sekvantaro), kiun li lerte komentariis.

La 20an, provprezentado okazis pri 5 filmoj prezentotaj dum la U.K. venontjare. Kelkaj jam estis bonaj. Inter ili filmo pretigita de la Brusela grupo alportita de brusela delegacio (inter kiu la Prez. S-ro R. Jacobs, edzino kaj filino ; la sekretariino F-ino R. Huysmans). Interŝanĝo de ideoj kaj kon-

struiga kritiko kreis fruktodonan laboron.

La 27an. pli ol 60 verdstelanoj gvidataj de S-roj Maur. Jaumotte kaj H. Sielens, vicprezidanto, vizitis la presejojn de la antverpena jurnalo « Gazet van Antwerpen ». Dum pli ol 2 horoj la vizitantoj vagadis tra la granda konstruajo kaj admiris la lastajn teknikajn realizajojn sur la jurnalo kampo.

La 4an de decembro, EKI-Antverpeno organizis Zamenhofan Vesperon kaj pro la escepta situacio nunjara : la 100a datreveno de la naskiĝo de la Majstro, profesoro D-ro I. Lapenna, ĝenerala sekretario de UEA, travetu-rante Belgujon, Nederlandon, ktp, faris festparoladon tre rimarkindan kaj multe ŝatatan de la diversgrupanoj ĉeestantaj. Li skizis la vivon de D-ro Zamenhof kaj inter alie lumigis diversajn facetojn de ĝi tiamaniere ke li havigis multajn argumentojn por defendi Esperanton en la ne-esperantista mondo. S-ro Maur. Jaumotte, Prezidanto de EKI, kiu bonhumore enkondukis la







paroladiston, ankaŭ dankis lin per entuziasmaj vortoj kaj deziris al li ankoraŭ fruktodonan laboron kaj bonan vojaĝon. Por konkludi D-ro Lapenna aŭdigis ekstraktojn el la UNESCO-sesio dum kiu oni akceptis la rezolucion pri Esperanto en 1954. Li cetere afable respondis al pluraj demandoj.

**Programo de la venontaj kunsidoj :**

Ĉiuvendrede en « Witte Leeuw », Frankrijklei, 4 je la 20,15a h. (la etaĝo).

JANUARO : La 1an : Novjaro : Ne Kunveno ; la 8an : Tra la mondo, 8a serio : « Aŭstrujo » ; la 15an : Generala jarkunsido ; dimanĉon, la 17an : Jara Bankedo en salonoj « Magnus », Prins Albertlei, 17 Berchem je la 17a horo. Prezo : 150 Fr. (enkalkulita glaso da vino kaj servmono) ; lundon, la 18an : ekzameno de la Elementa Kurso ; la 22an : Diplomdisdono ; lundon, la 25an : Komenciĝo de Elementa Kurso en Belgiëlei, 99 je la 20a h. ; la 29an : Parolado kun lumbildoj de S-ro Borghijs pri « Speleologio ».

FEBRUARO : La 5an : Provprezentado de filmoj pri UK ; la 12an : Parolado kun lumbildoj de F-ino M. Moriamé pri « Vojaĝo tra la mondo » ; la 19an : kultura distra vespero gvidota de S-ro R. Jaumotte ; la 26an : Parolata jurnalo de S-ro Fr. Schellekens.

MARTO : La 4an : Filmprezentado de S-ro R. Van Eynde ; la 11an : Parolado kun lumbildoj pri « Grekujo kaj Esperanto » de S-ro Eug. Paesmans ; la 18an : Parolata jurnalo organizota de S-ino J. Andries ; la 25an : Kultura distra Vespero organizota de F-ino Bl. Geers.

**Kondolencoj**

Al niaj membroj G-roj Roger Jaumotte-Meulemans kaj nia membrineto Viviane okaze de la morto de ilia patro, bopatro kaj avo S-ro François Meulemans.

Al la familio De Roover, ankaŭ okaze de la morto de ilia patro, bopatro kaj avo.

**Gratuloj**

Al nia fidela membro S-ro Maurice Boeren, okaze de la edziniĝo de lia filino Suzanne.

BRUĜO

**Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Soc.** (Poŝtĉekkonto N° 4835.33)

Dum la unua horo de ĉiu marda kunveno okazis leciono de la elementa kurso. Dum la dua horo la gemembroj okupiĝis, la 20an kaj la 27an de oktobro per interparolaj ekzercoj. La 3an de novembro, estis farataj la lastaj aranĝoj por la unua granda balo de la nuna sezono, kiu okazis sabaton 7an de novembro, en la salonego Concordia kun la kutima sukceso. La orkestro Eddy Burssens dancigis la ĉeestantojn en plej amuziga atmosfero ĝis la 3a matene. La sekvantan tagon, dimanĉon 8an, delegacio de la grupo vojaĝis al Charleroi por tie ĉeesti la Esperanto-tagon en la kadro de la Esperanto-ekspozicio, tie organizita de la loka grupo. Pri tiu balo kaj ankaŭ pri la vizito al Charleroi estis raportata dum la kunveno de la 10a. Parolata gazeto aperis dum la kunveno de la 17a kun kontribuoj de F-ino. M. Willems kaj de S-ro Ch. Poupeye.

Dum la kunveno de la 24a de novembro estis raportata pri la komitata kunveno de la 20a kaj pri la EKI-kunveno de la 23a.

La kunveno de la 1-a de decembro estis ĉefe dediĉata al antaŭaj klarigoj, ĉefe por la novaj gelernantoj, pri la parolado de Prof. Dro. Ivo Lapenna. Tiu parolado okazis dum la eksterordinara kunveno de merkredo, 2a de decembro, en la salonego « 't Keerske »

kaj estis organizita de la du lokaj societoj en la kadro de EKI. Antaŭ la kunveno, kelkaj gekomitatanoj de ambaŭ grupoj ricevis kelkajn jurnalistojn en gazetara konferenco, sekve de kiu diversaj artikoloj aperis. Post tio, Sro. Ch. Poupeve, nunjara prezidanto de EKI, malfermis la kunvenon, klarigante la celon de la tiuĉitaga renkontiĝo kaj prezentante la festoratoron Prof. D-ron. Ivo Lapenna, kiu tiam faris belegan paroladon pri « La grandeco de D-ro. Zamenhof ». Dum tuta horo, li katenis la ĉeestantaron sub la ĉarmo de sia konvinkiga kaj eĉ emociiga elokventeco. Drs. F. Roose, nunjara vicprezidanto de EKI, lin varmege dankis kaj aldonis kelkajn proprajn pensojn pri la personeco de Dro. Zamenhof. Multaj gegrupanoj (kelkaj kun familianoj), eĉ diversaj kiujn oni nur malofte vidas ĉe la ĉiumardaj kunvenoj, ĉeestis tiun memorindan kunsidon.

La 9an de decembro estis Sta-Nikolao-vespero. La ĉeestantoj ĝuis regalon per kukaĵoj kaj trinkaĵoj kaj dislotis inter si la multajn alportitajn nekonatajn premiojn. La ofte laboriga elvolvado de tiuj ĉi kaj la gajeco de la entenitaj surprizaj donacoj estigis plej agrablan atmosferon.

**Programo por la venontaj kunsidoj :**

Ĉiumarde, je la 8a vespere, en la kunvenejo «Strijdershuis», Hallestraat, 14, Tel. 347.98 :

Dum la unua horo de ĉiu kunveno : leciono de la elementa kurso ; dum la dua horo : kunsido por ĉiuj gemembroj, novaj kaj malnovaj, kun jena programo :

FEBRUARO : 2-an : Parolata gazeto. 9-an : Kartludado. 16-an : Konkursa vespero. 23-an : Kanta vespero.

MARTO : 1-an : lastaj aranĝoj por la balo de la 5a. Sabaton 5-an : je la 9-a vespere, en la salonego « Concordia », Zuidzandstraat : dua Granda Balo de la nuna sezono. Orkestro Eddy Burssens.

Bonvolu rezervi de nun tiun daton kaj mendi sufiĉe frue viajn rabatitajn kartojn je 25 Fr. (50 Fr. por ne-esperantistoj).

Mardon 8-an : Raportado pri la balo.

BRUSELO

**Reĝa Esperantista Brusela Grupo**
(Poŝtĉeknumero : 12.30.48)

La 5an de oktobro, okazis parolata ĵurnalo. La diversaj eblaj gajnontoj plej bele laboris por trafi la venontan premion.

La 12an de oktobro, S-ro Fighiera prelegis en perfekta lingov pri la venonta Universala Kongreso. Li montris detale la laboron, kiu devos efektiviĝi dum ok monatoj. La KKS akiris tre larĝan sukceson.



## TELEVIDO KAJ RADIO

Dum la francaj instancoj senkulpigis sin ĉar, pro troŝarĝitaj programoj, ili nunmomente ne povis enŝovi eron pri D-ro Zamenhof dum la memoriga tago de la 15a de decembro, la flandraj radio kaj televido ja aŭdigis siajn voĉojn.

En la flandra radio, je kvin minutoj antaŭ la 9a matene, la kvinminuta rubriko, dediĉata ĉiutage al alia subjekto, tre favore kaj interese priparolis la vivon kaj la idealon de D-ro Zamenhof.

Kaj en la televido estis S-ro De Bruyne, de BEFA kaj ankaŭ administranto de nia Ligo, kiu estis intervjuata.

Kaj tre certe ĉiuj samideanoj, kiuj vidis tiun programon, estis tre kontentaj pro la prenita iniciativo, kaj ankaŭ pro la tre favora realigo.

Gratulojn al la flandraj radio kaj televido. Gratulojn ankaŭ al nia amiko S-ro De Bruyne !

---

La 19an de oktobro, S-ro van der Stempel gvidis unu foje pli la perfektigan kurson. Li pritraktis aferojn karajn al sia koro : -ata, -ita, -ota, kaj li paroligis la membrojn plej multe.

La 26an de oktobro, S-ino Ernst rakontis aman rakonton pri gefraŭloj enkarceritaj hazarde en tualetejo, ĉio finiĝis bone. La legado de tiu rakonto estis perfekta.

La 8an de novembro, delegacio de Brusela grupo vizitis la verdan ekspozicion starigitan de Karloreĝo-grupo. Tiu ekspozicio estis bonege lokita sur angulo de la salonego.

La 9an de novembro, S-ro Debruyne de Befa, montris du filmojn pri Fervojaj kongresoj en centra Europo. Oni povis ankaŭ vidi « fervojistetan filmon, mon de S-ro Debaene.

La 14an de novembro, S-ro D-ro Denoël demonstraciis esperantan filmon, kiun li mem faris kun infanoj. Ja vere la unuan fojon oni vidis tian filmon. Ni esperu ke la sono baldaŭ venos sur tiu bona rubando bildara.



La 15an de novembro, la Jarfesteno de Brusela Grupo okazis en Monico Nord. La liga Prezidanto S-ro M. Jaumotte faris prelegon kaj oni gojis plej agrablan atmosferon.

La 16an de novembro, la vespero estis dediĉata al laboro por la U.K. 60. La komitatanoj preparis filmon por la evento 60.

La 23an de novembro, F-ino Obozinski gvidis divenan vesperon. La grupanaro klopodis kun, kelkfoje iom da ŝvito, trovi la solvon.

La 29an de novembro Zamenhofa festo en « Commerce Liedts », kie la gruparo verda de Bruselo tre bone sukcesigis la feston, ĉiu faris sian eblon por la sukceso de tiu posttagmezo.

La 30an de novembro, S-ro van der Stempel akiris la premion por la parolata ĵurnalo de tiu-ĉi jaro. Li relegis la « Maro supermezura ».

**Programo de la venontaj kunsidoj:**

Ĉiulunde, je la 20a h., en la etaĝo de hotelo Monico Nord, 2, Brabantstrato (placo Rogier), Bruselo 1a, tel. 15.26.01.

JANUARO : la 4an : Parolata ĵurnalo ; la 11an : La Konstanta Kongresa Sekretario, S-ro Fighiera, prelegos pri « La tekniko de informado » ; la 18an : Perfektiga Kurso, fare de S-ro van der Stempel ; la 25an : Generala Jarkunsido : Raportoj de la Sekretariino kaj de la Kasisto; elekto de sep estraranoj.

LIEGO

**Lieĝa Grupo Esperantista**

Post la parolado, kiun faris por la

membraro kaj ankaŭ por eksterstarantaj interesuloj, nia Liga Prezidanto, S-ro Maur. Jaumotte, kiu akiris belan sukceson flanke de la multnombra ĉeestantaro, la grupo decidis revigligi la grupan vivon.

Kaj malgraŭ la iom subita morto de la prezidanto, la Komitato decidis daŭrigi la antaŭviditan planon kaj la unua cirkulero tiel anoncis, por la monato de januaro jam, ĉiusemajnajn kunsidojn ; ĉiumarde, je la 20a horo en la salono « Au Prince de Liège », rue du Général Jacques, 12, kaj kun jenaj programoj :

la 5an de januaro : omaĝa solenaĵo je l'honoro de la jusformortinta prezidanto S-ro Joseph Soyeur ;
la 12an : kolorfilmoj kun komentario en Esperanto ;
la 19an : Perfektiga kurso ;
la 26an : Parolata ĵurnalo.

Ekde proksima numero de la revuo, la lieĝaj amikoj trovos regule sian rubrikon sub tiu ĉi « Belga Kroniko ».

Ni memorigu ke la poŝtĉekkonto de la kasisto, S-ro Jos. Henrion, 144 Brd. E. Solvay, estas 1029.83.

La adreso de la vicprezidanto D-ro Denoël, 20, rue Raskin, Liège.

VERVIERS

Je la peto de la Grupo, kiu invitis precipe la lokan instruistaron por tiu okazo, la Liga Prezidanto S-ro Maur. Jaumotte faris en Verviers, la 15an de decembro paroladon okaze de la 100a datreveno de la naskiĝo de D-ro Zamenhof.

S-ro Hérion kaj liaj kunhelpantoj tre bone preparis la vesperon kaj certe ne estas ilia kulpo se la malmultnombra sukceso ne estis tiel granda, kiel la persona sukceso de la paroladinto, kiun dankis tutkore la Direktoro de la Verviersaj lernejoj.







# Granda Esperantista Ekspozicio en Charleroi



Interesa angulo de la bela kaj interesa ekspozicio.

" Karloreĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo organizis de la 31a de oktobro ĝis la 15a de novembro la plej gravan ekspozicion kiu okazis de pluraj jaroj en Belgujo.

Tiu ekspozicio havis lokon en la " Palais des Expositions " de Charleroi, dum la Salono de la Hejm-Artoj. Tiu Salono estas la plej grava okazintaĵo de la regiono kaj ĝi estis vizitata de 616.864 personoj : oni povas tuj diri ke pluraj dekmiloj da homoj admiris la Esperantistan Ekspozicion.

Tiu ĉi konsistis el stando je 25 metroj longa, kie oni povis vidi centojn da libroj, ĵurnalojn el ĉiuj landoj, broŝurojn, turismajn faldfoliojn el multaj urboj, afiŝojn, diversajn objektojn, ornamitajn panelojn, k.t.p.

La 8an de Novembro la Prezidanto de Belga Ligo faris propagandan prelegon antaŭ multnombra ĉeestantaro.

Cetere miloj da informpetoj amasiĝis kaj la membroj de la Grupo, kiuj bonvole certigis la servadon, ofte superŝutiĝis pro laboro. Oni vendis librojn kaj 375 lernolibretojn. Ĝis nun, 20 personoj enskribiĝis al letera kurso kaj 9 novaj lernantoj vizitas kurson en lernejo de la Urbo.

La kunmetita parta fotografaĵo donas ideon de la amplekso de tiu ekspozicio. Ni ĝojas pro la gravega sukceso kiun ĝi atingis, ne egoisme nur por la loka grupo, sed por la verko de Zamenhof kaj la tuta movado ĝenerale.

Tial ni insiste petas al ĉiuj grupoj ke ili organizu tiajn ekspoziciojn ĉar ni devas zorgi nian propagandon. Ni tre insistas pri tiu punkto, se ni volas ke nia movado estu konata kaj disvastiĝu.

Ni ja konsterne konstatis la gravan nescion de la publiko pri Esperanto, sed ankaŭ ĝian gravan intereson kiam oni parolas pri ĝi.

Ni ne restu inter ni : ni ne estu kontentaj nur pro malgravaj kunvenoj aŭ amuzoj por esperantistoj ; sed ni uzu modernajn rimedojn : Ni pensu pri nia propagando !

# ADOPTU INFANOJN

La Infanaj Kongresetoj fariĝis unu el la plej originalaj kaj interesaj elementoj de la Universalaj Kongresoj. Unikaj fenomenoj en la kadro de ĉiuspecaj internaciaj renkontiĝoj, ili diversmaniere estas la fiero de la Esperanto-Movado kaj la konstanta pruvo pri la vivanteco de la Internacia Lingvo.

Ilia ekstera brilo estas atingita per superado de multaj internaj organizaj malfacilaĵoj. Unu baro, tamen, ĝis nun ne estas venkita : la ekonomia. Por doni al siaj Kongresetoj komfortan kadron la Universala Kongreso ŝarĝas sin per 2/3 de la efektivaj kostoj kaj petas de la partoprenantoj kontribuon egalan al la restanta triono. De Mainz ĝis Bruselo la Universala Kongreso kvarobligis la kreditojn asignitajn al la Infana Kongreseto. Per tio ĝi atingis la maksimumon, kiun ĝi efektive povas per la disponeblaj rimedoj.

Tamen, tio ne sufiĉas. Estas ĝenerala deziro kaj intereso de la Esperanto-Movado, ke la aliĝado flanke de infanoj parolantaj Esperanton laŭnombre kresku. Aliflanke, ĉiu aliĝinta infano alportas efektivan deficiton al la Kongresa Kaso, kies nuna financa subteno kovras la kostojn de apenaŭ 40 infanoj.

Troviĝas en la mondo pluraj infanoj, kiuj parolantaj la Internacian Lingvon, kiuj ne povas viziti la Kongreseton ĉar ilia familio ne povas pagi la veturkostojn. Por helpi al la meritplenaj infanoj el malproksimaj landoj, la Loka Kongresa Komitato decidis starigi ĉenon de solidareco inter la esperantistoj tra la tuta mondo kreante kategorion de subtenantoj, nomataj " Adoptaj Patroj ".

Povas esti " Adopta Patro " de la Kongreseto (ne de aparta infano) ĉiu esperantisto aŭ Esperantista Societo, kiu pagos al la 45-a Universala Kongreso de Esperanto en Bruselo (Banko de Bruselo aŭ Poŝtĝirkonto n-ro 1776.71) la sumon de **400.— b.fr.** Ĉiu " Adopta Patro " ricevos specialan diplomon. La nomoj de la " Adoptaj Patroj " estos publikigataj en la Kongresaj Komunikoj, en la Kongresa Libro kaj en la memoralbumo de la Infana Kongreseto. La sumoj kolektitaj per la operacio " Adoptaj Patroj " estos ekskluzive utiligataj por inviti infanojn el landoj malproksimaj aŭ kun devizaj malfacilaĵoj aŭ el nebonstataj familioj.

La Loka Kongresa Komitato alvokas precipe la **Esperanto-Societojn**, por ke ĉiu el ili transprenu **almenaŭ unu adoptan patrecon.** Por ĉiu individua esperantisto alvenis la okazo montri sian amikecon al la infanoj kaj kontribui al la progresigo de la esperantistaj infanaj kongresetoj.



## REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Prezidanto : S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.
Vicprezidanto-Kasisto : S-ro J. Soyeur, 91, Rue du Chêne, Seraing.
Vicprezidantino : S-ino J. Plyson, 185, rue Jourdan, Bruselo.
Ĝenerala Sekretario : S-ro H. Sielens, "Internacia Marista Domo"
Falconrui, 21, Antverpeno.
(Poŝtĉeknumero : R. B. L. E. : 13.37.67)

---

## LISTO DE LA MEMBROJ-KOMERCISTOJ

### Antverpeno

**Presejo « Espero »,** Dianalaan 180, Berchem.
**Hugo Jacques,** Lange Beeldekensstraat, 25, Presaĵoj — Tel. 33.75.38
**« Schoenen BED »** (S-ino E. Bed), Lge Gasthuisstr. 6, Ŝuoj — Tel. 32.62.86
**G. Faes,** Schoenmarkt, 16. Ciuj muzikaĵoj, instrumentoj, radio kaj gramofono. — Tel. 32.67.21
**Roger Jaumotte,** Cyriel Buyssestr. 44, Anoncoj en taĝjurnaloj. — Tel. 37.47.14
**K. Amerijckx,** Melgesdreef 40, Merksem. Centra Hejtado. — Tel. 45.81.07
**R. De Soete-Vanistendael,** Dambruggestraat 234, Okulvitroj — Rab. 5 %
**Cl. Peeters,** Onderwijsstraat 68, Apotekejo — Tel. 35.40.67
**Firmo van Iseghem & Verstraeten,** St. Bernardse steenweg 631, Hoboken Vitraĵoj — Speguloj. — Tel. 37.88.20
**J. Van Nereaux,** Sterstraat 1, Viandisto — Tel. 39.55.81
**H. Peeters,** Vordensteistr. 58, Schoten. Inĝen.: Neonlumo, Reklamoj. — Tel. 81.48.47
**Verdijck,** St. Rochusstraat 174, Deurne. Ĉiaj asekuroj kaj hipotekoj. — Tel. 39.06.07
**P. Peelman,** Volkstraat 34. Fumaĵoj — Pantofloj. — Tel. 37.62.55
**A. van den Neste,** Deurnebaan 30, Merksem. Presad-inkoj. — Tel. 45.78.59
**« In 't Duifken » (S-ano Paesmans),** Lge Koepoortstr. 64 : Kostumoj (5 % rab.)
**Vino Max Bolsius,** Diepestr. 58-60 : Kuirejilaro. — Tel. 32.57.85
**M. Philips, K.,** Rogierstr. 1, Antverpeno. Korsetoj — Rab. 5-10 % p.l. membroj.
**P. Vanderhoydonck-Van den Buys,** Kapelsesteenweg 549, St. Mariaburg Ŝuoj — Teksaĵoj — Merceraĵoj. — Tel. 74.27.86
**J. Montmirail,** Kortemarkstraat 53, Berchem. Arhitekto. — Tel. 39.58.66
**Morris de Ketelaere,** Oostenstraat 25. Privataj lecionoj pri lingvoj, ankaŭ pri Esperanto. — Tel. 39.17.09

### Bruĝo

**Marcel Poupeye,** Elf Julistraat, 32 : Ĉiaj asekuroj & pruntoj tutlande. — Tel. 371.93
**Charcuterie Strovi,** Vlamingstraat 38 (Teatroplaco). Viandvaroj. — Tel. 334.08
**Maison Joye,** Geldmuntstraat 29. Ĉemizoj, Gantoj, Kravatoj. — Tel. 332.75
**Firmo G. Verbeke,** Spinolarei, 19 : Konstrumaterialoj. Speciale naturŝtono de Jura. Nordaj ardezoj & ŝtonctoj « Marbrino », Kahelaroj, Fajencoj. — Tel. 321.85
**Pan- kaj Kukbakisto R. Rosseel,** Mariastraat 30. Konsumsalono. — Tel. 338.34

### Bruselo

**M. Jirousek,** 104 rue du Téléphone ; reklamoj kaj litertipoj — Tel. 18.77.67
**Farmaciisto Jacobs,** 94 rue général Eenens Bruxelles 3. — Tel. 15.26.01
**« Bonbons Swinne »,** 77 rue de Nieuwenhove. — Tel. 44.57.36
**Carrelages « Carrat »,** 19 avenue de Saxe. — Tel. 21.74.49

## manufakturaĵo firmo DE BROUWERE

Magdalenastraat, 29, Kortrijk (Belgujo) - Tel. (056) 216 54



# VIRINAJ BLUZOJ KAJ JUPOJ
# " MAGDELEINE "

deponita kvalitmarko

la perfekta konfekcio

fabrikita el plej bonaj svisaj teksaĵoj

Haveblaj en la bonaj konfekcibutikoj



## PRECIPAJ CENTROJ:

| | | |
|---|---|---|
| Antwerpen | : | Aalmoezenierstr. 17 |
| | | Abdijstr. 57 |
| | | Anselmostr. 17 |
| | | Nationalestr. 87 |
| Arlon | : | Marché-aux-Legumes 16 |
| Brugge | : | Breidelstr. 8 |
| Brussel | : | Galerie d'Ixelles 9 |
| | | Bd. Anspach 194 |
| Eupen | : | Kirchstr. 14 |
| Gent | : | Brabantdam 25 |
| Herstal | : | Rue Large Voie 4 |
| Leuven | : | Bondgenotenlaan 49 |
| Luxembourg | : | Place de la Gare 67 |
| Roeselare | : | Ooststr. 124 |
| Tournai | : | Rue Royale 75 |
| Turnhout | : | Herentalsstr. 6 |
| Verviers | : | Pont St. Laurent 2 |

DRUKK. H. DE BAENE-SERCU, DELAPLACESTRAAT, 3, SINT-KRUIS — TEL. 346.36